17-a jaro. N-ro 5 (189) Oktobro 1931




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

---

Por la anoncoj oni sin turnu al:

**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO**

---

**Jara kotizo kun abono: Fr. 30,- — Eksterlando: Belgoj 6,-**

---

ANTVERPENO

1931

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**
(Honora Prezidinto: formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro:**

Prezidanto pro honoro: A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Prezidanto: Fr. Schoofs, Kl. Hondstr., 11, r. du Petit Chien, Antverpeno.
Vic-prezidantoj: L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.
P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstraat, Bruselo.
Ĝen. Sekretario: H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Bd. St. Liévin, Gento.
Kaisto: M. Jaumotte, Avenuo De Bruyn, 44, Antverpeno-Wilrijck.

Direktoro de la oficiala organo: F. Schoofs.

**Komitato:**

**Konstantaj komitatanoj:** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, W. Van der Biest, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj:**

AALST: Alosta Grupo Esperantista.
ANTVERPENO: « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.
BRUGO: Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.
CHARLEROI: Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.
BRUSELO: Brusela Grupo Esperantista. — P. Kempeneers, R. Brihay.
GENTO: Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.
HASELTO: Haselta Grupo Esperantista. — Fr. Van Genechten.
KORTRIJK: Grupo Esperantista.
LIEGO: « Lieĝa Ago ». — E. Oger.
LIERO: « Liera Stelo ». — Jos. Leflot.
LOKEREN: « Durma Stelo ». — A. Roels.
LOVENO: Grupo Esperantista. — R. De Keyser.
MEĤLENO: Meĥlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.
NIEUWPOORT: Grupo Esperantista. — L. Braet.
SPA: Grupo Esperantista. — J. Desonay.
SCLESSIN-LIEGO: « Grupo Esperantista ». — J. Bissot.
THIENEN: Grupo Esperantista. — Ed. Dewolfs.
VERVIERS: Grupo Esperantista. — Jos. Hérion.

**Juĝantaro pri profesora kapableco:**

Efektivaj membroj: F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.
Anstataŭantoj: Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.
Kandidatoj al la diplomo bonvolu sin anonci al la ĝenerala sekretario.

**Gazetara Servo:** F. Schoofs, Edg. De Coster.
**Radio-fako:** P. Kempeneers, Lod. Bas.

**Kotizo:** Fr. 30,— jare, inkluzive abono al « Belga Esperantisto ».
**Poŝtĉeko: 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

Por la kroniko: la grupoj bonvolu havigi al nia Ĝenerala Sekretario sian koncizan raporton **je la 15a de ĉiu monato,** kun sia programo por la sekvonta monato.

17a JARO N-ro 5 (189) OKTOBRO 1931.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono: 943.74

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES
H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, S-ino J. VAN DER VEKEN, M. DE KETELAERE.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas.*
*La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Kunveno de la Komitato*

La konstantaj delegitoj kaj la delegitoj de la grupoj aliĝintaj estas insiste petataj ĉeesti la kunvenon de la Liga Komitato, kiu okazos Dimanĉon, la 18an de Oktobro, je la 10a h., en « Brasserie du Sac », Granda Placo 4, en Bruselo.

La tagordo, kies detalojn ili ricevos per aparta cirkulero, estas tre grava. Se la grupoj dezirus ankoraŭ aldoni iun aŭ alian temon al la tagordo de tiu kunsido, ili estas petataj informi pri tio senprokraste la ĝeneralan sekretarion.

La Estraro insistas por ke ĉiuj delegitoj senescepte ĉeestu.

*La Ĝenerala Sekretario,*
Henri PETIAU.

*La Prezidanto,*
Frans SCHOOFS.

## ANKORAŬ PRI LA 23a UNIVERSALA KONGRESO

Ni opinias, ke ni ne estus plenumintaj nian devon kontraŭ la Loka Organiza Komitato de la okazinta kongreso en Krakovo, se ni ne speciale mencius la bonan impreson, kiun faris sur ĉiujn partoprenintojn la multnombraj policanoj, kiuj portis la Esperantan insignon dum la kongresa semajno. En ĉiuj ĉefaj lokoj de la urbo oni ilin trovis ĉiam pretaj por helpi afable la informon bezonantan kongresanon.

Ankaŭ apartan mencion meritas la diversaj kelneroj, kiuj, lastmomente lernintaj Esperanton, bonege servis en multaj restoracioj, kie — sen ili — la interkompreno estus estinta vere tre malfacila.

Kaj tio ankaŭ valoras por la tramveturado. Se la konduktoroj ne parolis tiel flue nian lingvon kiel la policanoj kaj la kelneroj, ili tamen konis la minimumon por sia deĵoro kaj por la informado de la kongresanoj: la nombrojn por sciigo de veturprezoj kaj la nomojn de la ĉefaj konstruaĵoj en la urbo.

Al ĉiuj tiuj modestaj homoj, kiuj *praktike* helpis, tre certe iras memorpenso de ĉiuj partoprenintoj.

Ni rimarkas, ke ni forgesis citi, ke estas S-ino F. Staes, el Bruselo, kiu reprezentis la belgajn samideanojn ĉe la monumenta soleno de Bialistok.

Krom S-no Staes, el Bruselo, kaj S-ro Fr. Schoofs, el Antverpeno, ĉeestis ankaŭ la kongreson el nia lando: F-ino Hendrickx, el Gento, kiu speciale dediĉis sin al la kondukado de blindaj samideanoj, kaj tre certe meritas apartan laŭdon pro tiu sinofera laboro.

# LA ESPERANTISTA STANDARDO

La esperantista standardo flirtis kaj nun ankoraŭ flirtas en ĉiuj niaj festoj en la tuta mondo. Ĉiam ĝoje la esperantistoj, alvenante en urbon, kie okazas kongreso, vidas ĉe la stacidomo, en la akceptejo, ĉe la'fenestroj de samideanoj, la verdan standardon kun ĝia samkolora stelo en la maldekstra angulo, sed... kiom da ili konas la historion de nia standardo, simbolo de frateco kaj de interkonsento inter la popoloj?

Jen anguleto de nia historio, kiun estas taŭge klarigi.

Iom antaŭ la unua universala kongreso de Boulogne-sur-Mer, la pioniro de la unuaj tagoj, Michaux, decidis, ĵetinte la ideon de la unua kongreso, kunigi el ĉiuj partoj de la mondo la unuajn propagandistojn de Esperanto por vidi fine, ĉu oni povas sin kompreni alimaniere ol per nura korespondado. Jam, en 1904, en Calais kaj Dover estis organizata kvazaŭ Antaŭkongreso, en kiu kelkaj ardaj apostoloj de la internacia lingvo estis skizintaj la gravan provan kuniĝon por la venonta jaro. Oni estis en tiuj heroaj tempoj, kiam Esperanto estis ankoraŭ fuŝmokita memore de « volapük », kiu estis elvokinta la senbridajn mokojn de ĉiuj humoristoj, multe pli inklinaj vidi la ridigan flankon ol la ideon, kiun ĝi portis en si de ĝenerala interkompreniĝo.

Michaux kaj lia grupo estis laboreme preparintaj la unuan grandan kunvenon esperantistan, antaŭvidinte loĝadon, festojn, akcepton ktp. En la grupo ni rimarkas s-rojn Duchochois kaj Sergeant, kaj per tio ni nomis la tri aŭtorojn de nia standardo. Michaux kaj Sergeant estis pledintaj unu kontraŭ la alian (ambaŭ estis kaj estas ankoraŭ advokatoj en Boulogne) ; interŝanĝintaj dum la aŭdienco kelkajn oratorajn sagojn en najbara urbeto Samer, ili parolis pri la baldaŭa okazaĵo, la unua tutmonda kongreso, al kiu jam alfluis aliĝoj el ĉiuj partoj de la mondo. Sur la bordo de la rivero Liane, tuj post la eliro el la stacidomo, ili renkontis Duchochois, tiam vicprezidanto de la grupo, kiu ilin akompanis en la urbo. Oni ĝojis pri la antaŭvido, tiam certa, de la sukceso de la kongreso; la aventuro devis tute prosperi; la sukceso sin anoncis certigita.

La esperantistoj havis sian insignon: la verdan stelon, akceptitan de Zamenhof en 1891; oni jam parolis pri himno; sed ili ne havis standardon; niaj tri amikoj opiniis, ke tio estas manko korektota. Tuj dirite, tuj farite; oni vizitas komerciston, s-ron Gras, 14 strato Faidherbe (li loĝas ankoraŭ tie kaj verŝajne ne imagas, ke lia magazeno rajtas havi ian famon), Duchochois petas pecon da kreto, kaj sur la vendotablo desegnas kvarangulon; poste oni sin demandas, kio estas farota. Duchochois sonĝas pri verda standardo kun trikolora strio; Sergeant rimarkigas, ke estus pli bone ne naciigi la standardon kaj Michaux

insistas por ke ĝi havu stelon. Oni pensas tiam pri angla standardo de la komercaj ŝipoj, kaj oni decidas akcepti tian formon: ĝi estas ruĝa ŝtofo kun kruco de Sankta Andreo kaj Sankta Georgo en la maldekstra angulo; oni do prenos verdan ŝtofon kun stelo en la maldekstra angulo; sur la vendotablo la desegno formiĝas. Ĉi tie la juristoj reaperas; Sergeant pledis kelkajn monatojn antaŭe dum proceso de unuagrada polico kontraŭ Bulonjanon, kiu estis flirtiginta papan standardon; li memorigas, ke prefekta dekreto malpermesas en la departemento ĉiun standardon, kiu ne portas distingitan signon de societo, krom se ĝi estas akceptita nacia standardo; konkludo: necesas skribi E meze de la stelo.

Detaleto kiun konas malmultaj samideanoj, kaj dank' al kiu la esperantista standardo desegnita de la tri kamaradoj kaj tuj mendita ĉe la firmo Gras por la kongreso estas verda standardo, longa je unu metro kaj duono, larĝa je unu metro, kaj kiu havas en sia supra maldekstra angulo kvadraton de kvindek centimetroj, kun larĝa verda stelo, meze de kiu estas E, komenca litero de la vorto Esperanto.

Kelkajn tagojn poste, dum la unuaj tagoj de aŭgusto 1905, en la stratoj de Boulogne, sur multaj privataj domoj, ĉe la fasado de la Granda Teatro kaj de la Granda Kafejo de Boulogne, akceptejo de la kongresistoj, flirtis la stelumita standardo.

La 9an de aŭgusto la kongreso kunsidis en la teatro, kiam aperis sur la tagordo la demando pri la esperantista standardo. En bela oratora eksalto la samideano Ostrowski (ruso), prenante ĉe la balustrado de la teatro unu el la standardoj faritaj por la kongreso, ekkriis:

« Ni ne serĉu; la standardo, kiu nin kondukos al la venko, kiu nin gvidos estonte kaj flirtos en ĉiuj landoj de la mondo, jen ĝi estas!»

Per unuvoĉa aklamado, la kongreso decidis, ke la oficiala esperantista standardo estos ekzakte la standardo, kiun ni ĉi-supre priskribis.

De jam kvarono de jarcento, ĝiaj kreintoj ĝojis ĝin vidi en multaj kongresoj, kiujn ili partoprenis en malsamaj landoj de Eŭropo. Fotografaĵoj, poŝtkartoj montris al ili, ke, tra ĉiuj landoj de la mondo, la standardo kreita en Boulogne estas ĉirkaŭirinta la terglobon.

Zamenhof mem konfirmis per afabla gesto ilian verkon, subskribante du el la unuaj standardoj kaj ilin datante de la tago de la voĉdono unu estis donacita al Michaux, la alia al Sergeant.

Nia samideano Sergeant opiniis sian devon, konservinte ĝin dum dudektri jaroj je memoro de la Majstro, ĝin oferdoni al la internacia Muzeo Esperantista en Vieno, kaj tie ĝi nun estas. *(El « Norda Gazeto ».)*

## ĈE LA STENOGRAFISTARO

Internacia kongreso de stenografio okazis en Parizo, de la 3a ĝis la 7a de Aŭgusto. La Organiza Komitato aranĝis internacian ekspozicion, en kiu tri fakoj estis speciale rezervitaj por Esperanta stenografio. Plie ĝi organizis internacian konkurson de esperanta stenografado, kaj rezervis fakan kunvenon por la Generala kunveno de l'Internacia Asocio de la Esperantistoj-Stenografistoj. Interkonsente kun la prezidanto de I.A.E.S., la prezidanto de la kongreso invitis ĉiujn membrojn neesperantistajn ĉeesti tiun kunvenon, certigante ke li mem ĝin ĉeestos, por konstati la uzeblecon de l'internacia lingvo. Multaj kongresistoj respondis la inviton kaj sekvis la diskutadon, kiu okazis preskaŭ nur en Esperanto.

Ĉar Esperanto estis enskribita en la tagordo de la Kongreso, ĉiutage iu — eĉ neesperantisto — citis ĝin: la prezidanto de la Kongreso, diversaj raportantoj aŭ oratoroj, ĉu dum la laboraj kunvenoj, ĉu dum la festaj kunvenoj. Nur dufoje la esperantistoj mem parolis pri ĝi: unufoje por prezenti deziresprimon dum la fina kunsido, alian fojon dum la oficiala festeno, por saluti la kongresanaron je la nomo de I.A.E.S.

La deziresprimo prezentita je la nomo de I.A.E.S., kaj akceptita de la Kongreso, estas la jena:

« Por malhelpi ĉiujn malfacilaĵojn de reciproka interkompreniĝo rezultantajn de la malsamaj lingvoj uzataj de l'kongresanoj, la Pariza internacia kongreso de stenografio voĉdonas ke, dum la estonta unueca kongreso oni ekzamenu la utilecon de Esperanto, kiel sola lingvo uzebla por la traduko de la komunikaĵoj aŭ paroladoj faritaj per iu nacia lingvo. »

Samtempe, kiam la Generala Kunveno de I.A.E.S. decidis prezenti tiun deziresprimon al la kongreso de stenografio, ĝi decidis prezenti alian al I.C.K. kaj respektive al la Organiza Komitato de l'estonta Universala Kongreso de Esperanto. Jen ĝi:

« I.A.E.S. petas I.C.K. kaj respektive la Organizan Komitaton de la 24a Universala Kongreso de Esperanto, organizi dum tiu kongreso, ekspozicion de esperantistaj verkoj kaj konkurson de esperanta stenografado. »

Inter la rekompencoj donitaj por la ekspozicio, ni povas mencii, ke la tri ekspoziciantoj por Esperanto estas ĉiuj inter la plej inde rekompencitaj. Efektive, jen la premioj al ili aljuĝitaj:

Ĉefpremio al Internacia Asocio de la Esperantistoj-Stenografistoj

Ĉefpremio ankaŭ al S-ro Flageul, pro lia esperanta stenografio Duployé-Flageul;

Ora medalo al S-ro Cogen, pro lia stenografa mnemoniko, kaj lia alfaro de la sistemo Groote al Esperanto.

Aliparte, por rekompenci la agemecon de siaj membroj, la Internacia Asocio de la Esperantistoj Stenografistoj, aljuĝis la jenajn rekompencojn:

Arĝenta medalo al S-ro Lefebvre, pro lia alfaro de la sistemo Aimé-Paris, kaj al S-ro Mori pro lia partopreno al la ekspozicio de I.A.E.S. kaj lia kunlaboro al « Internacia Stenografisto ».

Granda bronza medalo al S-ro R. Llech-Walter kaj al Sro Quitadamo, kiuj fondis naciajn Societojn de Esperantistoj-Stenografistoj, la unuan en Francujo, la duan en Italujo.

Bronza medalo al S-ro Major pro lia kunlaboro al la asocia organo kaj lia konstanta agemeco.

Mencio al S-roj Kökeny, Hoen kaj Hager pro ilia kunhelpo al la disvastigo de la esperanta stenografio.

Fine, la tri konkursantinoj, kiuj prezentiĝis por esperanta stenografado, sukcese ekzameniĝis kaj ricevis la jenajn premiojn:

F-ino L. Castel: duan premion (40 fr.) pro rapideco de 60 silaboj ĉiuminute.

S-ino C. Major: unuan premion (100 fr. kaj bronzan medalon) pro rapideco de 100 silaboj ĉiuminute.

F-ino O. Piau: duan premion (100 fr.) pro rapideco de 140 silaboj ĉiuminute.

Ni povas esperi, ke venontan fojon la nombro de la konkursantoj estos pli granda, kaj ankaŭ ke pli grava rapideco estos atingata.

Oni povas certigi, ke tiu kongreso ŝatinde helpis la disvastigon de nia lingvo en la stenografistaro. Multaj promesis ĝin lerni; inter ili estas gravaj famekonataj kolegoj.

## ROTARIO INTERNACIA KAJ ESPERANTO

La nunjara kongreso de Rotario Internacia, kiun ĉeestis proksimume 5000 rotarianoj, ekzamenis la demandon pri internacia lingvo por atingo de sia Sesa Celo.

La Rotari-Klubo Napa, Kalifornio, U.S.A., submetis la proponon 22 « koncerne la decidon, komisii la internacian komisionon de Rotario Internacia kun la esploro de la demando, kiu ĝenerala helplingvo prezentas la plej grandajn avantaĝojn kaj kiuj plej oportunaj rimedoj ebligas al R.I. enkonduki la instruadon de tia lingvo en ĉiujn lernejojn kaj universitatojn. »

Post diskuto de la propono, la kongreso akceptis jenan rezolucion:

Ĉar al ĉiuj klopodoj je atingo de la Sesa Celo de Rotario ĉiam denove kontraŭstaras, kiel barilo, la lingva problemo, kaj:

Ĉar ŝajnas certe, ke ĝis kiam la lingva barilo estos venkota, la atingo de nia Sesa Celo ne estas verŝajna, oni decidis en la 22.jara kunveno de Rotario Internacia, ke la problemo de la lingva barilo kaj ĝia interrilato al la Sesa Celo de Rotario kaj ĝia solvo estas aferoj de graveco (kaj ili estu ĉi tie deklaritaj, ke ili estas gravaj) kaj koncernas Rotario Internacia.

Plue estas decidite, ke Internacia Servo-Komitato de Rotario Internacia estas per tio komisiata esplori, kiu vojo estos la plej efika por atingi la akcepton, adopton kaj la anoncon de tia lingvo flanke de ĉiuj nacioj kiel helpa al ĝiaj naciaj lingvoj kaj doni siajn rekomendojn al la estraro de la direktoroj de Rotario Internacia.

La ĉefaj subtenantoj de Esperanto en tiu kongreso estis S-ro Charles Mander, S-ro Applebaum (Grand-Britujo); S-ro G. Warnier, S-ro Le Blanc (Francujo); S-ro von Frenckell (Finlando); S-ro Arnhold (Germanujo); S-ro Mejhuizen (Nederlando); S-ro Schlick (Aŭstrujo).

Ni esperas, ke niaj amikoj daŭrigos sian laboradon en tiu grava rondo, por ke tie oni evoluigu la rezolucion al praktika enkonduko kaj aplikado de Esperanto.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — "**La Verda Stelo**". — La 5an de Septembro la membroj havis sian neformalan familian kunvenon. La 12an okazis festo de la laŭreatoj el la perfektiga kurso de S-ro Morris De Ketelaere kaj el la elementaj kursoj de S-roj A. Faes kaj Maur. Jaumotte. El la unua akiris diplomon: F-ino Germaine De Block kaj S-ro Maurice Versaevel. El la dua F-inoj Van Besten, Minne, Dora Ledniger, S-ro Matthijssens, F-ino Michaels, F-ino Van den Bossche, S-ro Van Huffelen, kaj el la tria — kiu estis rapidkurso kies lecionoj okazis po kvinfoje dum tri semajnoj — F-ino Kohtes, S-ro G. Loquet, F-ino Keersmaeckers S., S-roj Edm. Bex, Ant. Loquet, F-ino Dor. Blockx, S-ro Molenaer, F-ino Van Regemortel, S-ro Gysen, F-ino De Backer, S-roj Leens, Van den Berg, F-inoj Bossers, Van Hoof, S-ro Noppe. Nia Honora Prezidanto, S-ro Fr. Schoofs, kaj nia Prezidanto, S-ro M. Jaumotte, salutis kaj gratulis la diplomitojn, al kiuj ili ankaŭ ne ŝparis siajn konsilojn por plua studado kaj praktikado de Esperanto. Ili ankaŭ dankis la kursgvidantojn pro la bona laboro farita. Post la oficiala parto sekvis dancfesto, kiu daŭris ĝis meznokto.

La 19an, en ĝenerala kunveno monata, oni faris la lastajn aranĝojn pri la kurso kiu komenciĝos la 5an de Oktobro. Tiu kurso estos rapidkurso, gvidota de S-ro H. Boffejon. Ĝi okazos ĉiuvespere, krom Sabate kaj Dimanĉe, je la 8a vespere en la kutima kursejo: Avenuo de Belgujo 99. S-ro Schoofs donis jam kelkajn informojn pri la 21a Belga Kongreso, kiu okazos en Antverpeno, je Pentekosto 1932, kaj ankaŭ anoncis, ke la 24a Universala Kongreso estos en Parizo de 30 Julio ĝis 6 Aŭg. de proksima jaro. Multnombra partopreno de la membroj de « La Verda Stelo » estas de nun certigita, kiam li sciigis, ke jam enskribis sin kaj sendis sian kotizon sep grupanoj. Kelkaj membroj tuj deklaris sin pretaj por partopreni en la ŝparkaso, kiun la grupo organizis por la Pariza Kongreso. Nia norvega amiko kaj membro de la grupo, S-ro Schjerve, ĉeestis la kunvenon kaj anoncis, ke je la fino de Oktobro li entreprenos propagandan vojaĝon tra Ameriko. La prezidanto deziris al li bonegan vojaĝon kaj grandan rikolton al lia poresperanta semlaboro. La varma aplaŭdado de la ĉeestantoj, ne lasos dubon ĉe nia norvega samideano, ke la koro de ĉiuj Verdstelanoj de Antverpeno lin sekvos dum lia sesmonata migrado en la lando de la Dolaro. Ĉe la fino de la kunveno, S-ro Schoofs ankoraŭ sciigis, ke la dua verko de Remarque, « La Vojo Returne », ĵus aperis en Esperanta traduko, kaj instigas ĉiujn legi tiun interesan libron.

La 26an de Sept. kvardeko da fidelaj membroj, ŝatantoj de mitulmanĝado, kunvenis kaj konsumis respektindan kvanton de tiuj moluskoj diversmaniere preparitaj: freŝe, fritite, kuirite, k.t.p. Gaja kunesto sekvis tiun lastan okazintaĵon grupan.

En la monato Septembro estis malfermita nova elementa kurso, gvidata de S-ro L. De Hondt, je la 10a, kaj perfektiga kurso direktata de S-ro M. De Ketelaere, je la 17a.

"**Antverpena Polica Grupo Esperantista**". — Tiu grupo anoncas la organizon dum proksima vintro de nova Esperanto-kurso por policanoj. Aliĝiloj estas disdonitaj kaj ni ne dubas, ke la akcepto ĉe la lernemaj policistoj de Antverpeno estos, kiel kutime, tre varma.

Kiel okazis dum la lastaj jaroj, la afiŝoj kun la programoj de la vesperkursoj organizataj de la urbo Antverpeno, kaj tiuj de la « Laborista Popol-Universitato », anoncas ankaŭ nun malfermon de novaj Esperanto-kursoj.

BRUĜO. — " **Bruĝa Grupo Esperantista** ". — Krom la regulaj kunvenoj de la grupo anoncitaj en nia revuo, la bruĝaj amikoj dediĉis sin al akcepto kaj gvidado de multaj alilandaj geamikoj. Dimanĉon la 16an de Aŭgusto alvenis Ges-roj Frank Thurboot, kiuj vizitis la urbon gvidataj de S-roj G. Mestdagh kaj J. De Coster. Merkredon, 13an venis S-ro Picard, el Anglujo, kiun gvidis S-ro J. De Coster. Jaŭdon la 20an F-inoj G. kaj Y. Hubrecht montris la malnovan urbon al F-inoj Ethel kaj Eva Fairer, el Hull. Mardon la 25an, angla samideano S-ro Venture, ano de la Londona Esperanta Klubo ĉeestis la kunvenon kaj promenis tra la urbo la 26an, gvidata de S-ro Priem. Fine, la kanta vespero de la 8a de Sept., havis la neatenditan viziton de nia bona londona amiko, S-ro Moy Thomas, kiu plie alkondukis en la kunvenon tri anglajn fraŭlinojn.

GENTO. — La grupo kunvenis ĉiumerkrede kaj preparis la propagandon por la novaj kursoj, kiuj komenciĝos la 14an de Oktobro en la urba lernejo N-ro 54, Nova Sankta Petrostrato.

MORTSEL. — " **Katolika Rondo Esperantista** ". — Je la okazo de kurso de Esperanto anoncita por la 17a de Sept. en la Sindikato de Oficistoj de Komerco kaj Industrio, tiu rondo organizis specialan propagandon per cirkulero disdonita en la tuta komunumo. La anoncita kurso estas gvidata de S-ro H. Vermuyten.

BRUSELO. — **Brusela Grupo Esperantista**. — Dum Septembro F-ino Obozinski, ĵus reveninte el sia vojaĝo al Parizo, raportis pri la tiea Ekspozicio. Ŝi alportis dokumentojn kaj prezentis ilin al la ĉeestantoj. Tiu paroladeto havis grandan sukceson.

La 21an, dank'al la afiŝoj gluitaj en Bruselo, multaj lernontoj sin prezentis por la novaj kursoj, kiuj malfermiĝos respektive la 1an kaj la 6an de Oktobro, je la 8a. Anstataŭante F-inon Jennen, malhelpata, D-ro Kempeneers prezentis al la ĉeestantoj lumbildojn pri Dantzig kaj la Esperanta kongreso, kiu tie okazis antaŭ kvar jaroj. Okazis ankaŭ la kutimaj kunsidoj; ĝenerala kunsido, parolata ĵurnalo kaj amuza vespero.

---

## INSISTA PETO AL LA GRUPOJ

**Ni insiste petas la grupojn, ke ili havigu al ni je la 15a de ĉiu monato la kronikon pri sia agado dum la pasinta monato. Ili sendu tiun kronikon, se eble du-ekzemplere, al nia ĝenerala sekretariejo: St. Lievenslaan, 60, Boulevard St. Liévin, Gento.**

# BELGA GAZETARO KAJ ESPERANTO

Ni ricevis ankoraŭ kelkajn gazetojn, kiuj enhavas komunikojn pri la kongreso de Krakovo. Krom tio ni rimarkis en « Le Peuple » informojn pri Esperanto ĉe la Olimpaj ludoj de Vieno kaj pri la internacia kongreso de Esperantistaj laboristoj de Amsterdam; pri ĉi tiu ankaŭ aperis kliŝo.

En sia radio-kroniko de 19 Sep. « L'Indépendance Belge » akcentis, ke ju pli la internaciaj radio-interrilatoj multiĝas, des pli oni ekzamenas la uzon de tutmonda lingvo. Siaflanke S-ro F. Deny, en « Le Soir » de 18 Sept. parolante pri la lingva signalado per diverskoloraj insignoj kaj afiŝoj, atentigas pri la graveco de Esperanto, kaj diras i.a., ke « la ideala insigno evidente estas la verda stelo sur blanka fono, kiu estas tiu de la Esperantistoj ». Li ankaŭ parolas pri la uzo de la steleto kvinpinta en la aperontaj adresaroj de la urbo Bruselo. — La insignaro pri kiu parolas la citita gazeto ekzistas laŭ konvencio aprobita de la Ligo de Nacioj. Plie ni eksciis, ke la policistaro de Bruselo jam havas sur la uniformo la koncernajn kolor-butonojn. Ni esperas, ke baldaŭ multaj el ili portos la Esperantan insignon, kiu ankaŭ estas en la adoptita kolekto.

« Ons Streven », la organo de la Antverpena Policistaro, publikigis en sia Aŭgusta numero antaŭhistorion de Esperanto kun portreto de Zamenhof, kaj specialan alvokon pri la monkolektado por la Zamenhofa monumento en Bialistoko. La Septembra eldono de tiu organo prezentas al siaj legantoj la historion pri la deveno de nia lingvo.

« Le Journal de Liége » 24 Sept. raportis favore pri parolado de S-ro Edmond Baiwir, disaŭdigita el la Radio-stacio de Cointe, kaj « Le Courrier du Soir », Verviers 23 Sept. anoncas la Esperanto-kurson, kiun S-ro Fernand Derigat faras el tiu stacio ĉiun ĵaŭdon, je 20 h. 30, de la 24a de Sept.

# NIA FAMILIA KRONIKO

## GRATULOJ

Al **Ges-roj Ch. Vander Veken-Van Bockel**, membroj de « La Verda Stelo » kaj Delegito de U.E.A. en Eeckeren, pro la naskiĝo de fileto Pierre, la 3an de Aŭgusto.

Al **S-ro Marcel Roost,** membro de « La Verda Stelo », Antverpeno, kiu estas nomita Honora Prezidanto de la Antverpena provinca Federacio de la Nacia Ligo de Milit-Invalidoj.

## NEKROLOGO

**S-ro Léon Jean Joseph Lamboray,** bopatro de S-ro Maurice Boeren-Lamboray, mortis la 2an de Septembro.

**S-ino V-vino P. Van der Biest-Andelhof,** vidvino de la dua prezidanto de nia Belga Ligo Esperantista, kaj patrino de D-ro Willem Van der Biest, nuna prezidanto de Brusela Grupo Esperantista, mortis en Antverpeno, la 14an de Septembro.

Ni prezentas al niaj funebrantaj samideanoj la esprimon de niaj sinceraj kondolencoj.

## LITERATURA BABILADO

# HOMARO, USONO KAJ S-RO DUHAMEL

Pri la libro de G. Duhamel: « Scenoj de l'estonta vivo », eldonita de *Mercure de France*, Paris, de EDWARD EWBANK.

Ĉu mi ĝin konfesos? Mi multe hezitis por trovi duone konvenan titolon por tiu kroniko, dum kiu oni vidos S-ron Duhamel, frapante laŭvice de l'dekstra kaj de l'maldekstra pugno, trafi la junan usonan civilizacion per serio da boksfrapoj, pro kiuj ĝi sentas, laŭdire siajn makzelojn sufiĉe difektitaj. Mi povus meti la titolon: *plibono estas malamiko de bono, aŭ la bankroto de l'feliĉo.* Mi tion ne faris ĉar mia direktoro ŝatas mallongajn rubrikojn. Aŭ ankoraŭ, en latina lingvo nun: *Optimae leges, pessimae reipublicae.* Al la plej alta grado de perfekteco de la leĝoj, respondas la plej profunda grado de putriĝo kaj de malekvilibro. Sed bedaŭrinde, tiu sama direktoro, taktoplena, laŭdante min ie pro uzo de latino, skribis iam, min celante: « Iom da latino, ne tro! » Ĝi komprenigis al mi, ke, rilate al latinaj citaĵoj, mi jam emis iri ĝis la permesita limo. Tial mi estis devigata forigi titolon, kiu multe plaĉis al mi, ĉar en kvar vortoj ĝi diris la tutan verkon de Duhamel. Usono? Ĝi estas la plej tragika kaj la plej vivanta ekzemplo de ruiniĝo de l'fieregeco. Ĝi ĉion faris por krei, ĝi arogante fanfaronis pri kreado de modela civilizacio, kie la plej granda sumo de eblaj bienoj kun la plej granda sekureco estus absorbata de civitanoj moraligitaj je 100 por 100. *Optimae leges...*

Ĝi alvenis al artefarita komforto, kies sklavo pli ol fruktuzulo, oni estas, al saneco sen feliĉo, al puritanismo sen vera virto, al sekureco sen rideto, al riĉeco sen libertempo, al plezuroj sen ĝojo... al libereco, fine, kiu nur estas mokado, ĉar Usonano ja estas libera homo, sed kiun civilizacio, vivo, socia ekonomio, ĉiuj usonaj tradicioj kaj necesecoj senreziste aliigis en «konforma» persono, tio estas civitano, kiu de la patrina ventro jam rezignis je la plej valora, la plej sinteza libereco, la libereco moke diri NE!...

Kaj tion S-ro Duhamel, homa viro, saĝe denuncas. Li multe vagadis tra tiu diabla paradizo, serĉis, la je la stratkruciĝoj tremetantan fantomon de Ariel, kiun li ne trovis pro prava kialo: raciigitaj kaliban'oj lin en kvaranteno lasis, en Long-Island; kaj li foriris skuante la polvon de siaj botoj, elkriante: *Pessimae reipublicae!*

Do, kion? Neniu Ariel en tiu Kalibana lando? — Neniam fantazia flutarieto? Neniam, en la unutona kaj fortika kanto de la marŝantaj certecoj, tiu subtila tritona agordo, *diabolus in musica,* kiun la mezepokaj kleruloj zorge forigis el la plankanto, sciigitaj ke per tiu agordo estiĝus « neatendita kaj malsaĝa volupto?».

Ne tute; Ariel'on, Fantazion, la diablan agordon, « la Spiriton kiu disrompas la kadrojn », tie enkorpigas la negro, la evoluiĝinta negro. Li, en la fornego kie bolas la metala kaj unuforma pasto, reprezentas la nefaldeblan eron, kaj tial, en Usono, S-ro Duhamel iom amis la negrojn, kaj malamis ĉion restantan.

La restaĵo, ĝi estas la standardigita universo pri kiu mi pli supre parolis: unue la supermezura kaj pedanta higieno, kaj la antaŭzorgoj, kiuj ĉirkaŭas la eniron de la fremduloj en la usonan teritorion. Poste, la alkohola malpermeso, kies kontraŭulo Duhamel klare estas. Ĉar oni malpermesas al la homoj drinki, li demandas, kial oni ne malhelpu ke ili amindumu supermezure. Kial oni ne

malhelpus certajn kategoriojn, ke ili sin reproduktu? Kial ne postuli ke reproduktado de speciale rajtigitaj personoj okazu nur en specialaj eŭgenikaj kondiĉoj?

Jes, kial ne? En Usono, oni malmultobligis la tipojn de piroj kaj pomoj ĝis du bonegaj specoj. Oni povus per selektado, malpliigi la homajn tipojn ĝis kelkaj kategorioj taŭge elektitaj...

Abomenindaj pretendoj, juĝas S-ro Duhamel, naskiĝintaj de grandega kaj stulta vantemo, kovrita per nomo *scienco* por detrui, se ne la naturon mem, almenaŭ naturecon kaj mortigi la saĝon kun la racio! Kaj, pri tio, la diversaj punktoj de la akuzado: La usona arĥitekturo? — Okultrompilo « malbonigita en siaj desegnaĵoj, siaj rimedoj kaj siaj verkoj, kiu ne konas la plej justan el la ambicioj: rezisti al la tempo. » La usona kuirado? Malbelega kaj senpersona manĝaĵaĉo, tedego de la konservaĵo, la odoro de la mortigejoj, kiu akra kaj malvarma vin sekvas, legomoj kies teksaĵoj havas ion sciencan... Escepte unu bifstekon, vere reĝan, kiun li manĝis en Chicago, nur serio de malbonaj kaj senĝojaj digestadoj.

La usona sporto? Sensenca temp-pasigilo! La usona kinematografejo? ha! la usona kinematografejo! Nun, oni devas citi: « Ĝi estas distraĵo por sklavoj, por analfabetuloj, por kreaĵoj... senspiritigitaj de sia laboro kaj de siaj zorgoj. Vidaĵo kiu postulas neniun penon, kiu kaŭzas neniun demandon, tuŝas neniun problemon, bruligas neniun pasion, vekas je l'fundo de l'koro neniun lumon. »

Kinematografejo, por Duhamel, estas la plej potenca ilo « de morala, estetika kaj politika konformismo ». Mi certigas, li diras, ke popolo dum duonjarcento submetita al la nuntempa reĝimo de la usonaj kinematografejoj iras la vojon al la plej malbona el la malnobliĝoj...

Tiu malnobliĝo, la sklavigo de l'homo al la aŭtomobila mekaniko, tute ne estas kompensmaso por la liberiĝiloj kiujn havigas la motoro, sed ĝin nur pligravigos ĉiutage... kaj tiu civilizado eĉ ne estas savata de la virino, salo de l'nacioj, lampo de l'hejmo. Ĉar la usona virino estas malbonanima pupo, kiu suĉas la laboron de l'viro, senanima kunulino, kiu kapablis esti nek patrino, nek hejmestrino. Sekvas kelkaj sciigoj, vere funebre malĝojaj, pri la diboĉo en Usono.

Jen terura kaj severa akuzado. Kiel ni, bonuloj el la malnova Eŭropo, povos klare vidi kaj juĝi, kiu Usono estas la vera, ĉu tiu de S-ro Duhamel, ĉu tiu, kiun ni lernis amegi en la persono de iuj el ĝiaj senditoj, Brand Whitlock, Witney Warren, Walt Whitman, Sinclair Lewis? — Tio estas tre malfacile direbla. Pasia kaj verŝajne troŝarĝita, ŝajnas ke la akuzverko de S-ro Duhamel tamen havis tion efika, ke ĝi malfermas al ni la okulojn je niaj propraj meritoj.

Ĝi rememorigas al ni niajn virtojn. Nia hereda delikateco, kaj tiu fruktodona kaj ridetanta saĝeco, tiu mezurateco, kiun de miljaroj, lernas al ni nia tero kaj nia ĉielo, ĉu ili ne estas trezoroj? Ni laŭdu la ĉielon ke ni ne vivas en Antifizio. Ni laŭdu ĝin ke li donis al ni Molière, tiun sencoplenan kaj Voltaire, tiun spiritplenan viron. Ni laŭdu ĝin pro Goethe kaj pro Beethoven; pro la vagonaroj, kiuj ne ĉiam alvenas akurate, kaj pro la komercvojaĝistoj kiuj povas bilardi, posttagmeze, en la Teatra Kafejo; kaj pro niaj virinoj; diable! Claire-Marie, Carmen, Gretchen, Suzy, Marietta, aŭ tute simple Pouske: virinoj, kaj ne malŝatindaj belecreĝinoj.

El « *Le Rouge et le Noir* » trad. P. K. (Bruselo)

## BONHUMORO.

TERURA INFANO. — Tom: Kiun aĝon vi havas, avo?

— Naŭdekkvin jarojn, karuleto.

— Do, vi estas preskaŭ mortinta?...

TRAFA RESPONDO. — Ĉe nokta kontroliro en la bivako, Napoleono alvokis oficiron, kiu staris sur la sojlo de tendo. Estis tre malhele kaj oni preskaŭ nenion distingis.

— Kiu estas via nomo?

— Moŝto, mi nomiĝas Dubois.

— Ĉu kolonelo?

— Ne, Moŝto, nur leŭtenanto, sed — li opiniis, ke estis bona okazo por spritumi por akiri la estimon de la imperiestro kaj eble promocion — sed mi estas el tiu ligno, el kiu oni faras kolonelojn.

— Bone, Leŭtenanto Dubois, tuj kiam mi bezonos lignan kolonelon, estos vi la unue nomita.

FAMILIAJ TRAJTOJ. — *La vizitanto* (pri la infaneto): Kiel li havas la okulojn des sia patrino!

*La patrino:* Kaj la buŝon de sia patro.

*Infano:* Kaj la pantalonon de sia frato.

TAŬGA AŬDANTARO. — Angla predikanto kunvokis antaŭ nelonge siajn paroĥanojn al proksima diservo kaj anoncis, ke li parolos pri la « mensogo ».

— Atendante, li aldonis, bonvolu legi la ĉapitron XVII de la Evangelio laŭ S-ta Marko, kie li pritraktas la saman temon.

La tago de la anoncita prediko alvenis. Antaŭ ol komenci, la predikanto diris al sia aŭdantaro: « Tiuj, kiuj legis la deksepan ĉapitron de la Evangelio laŭ S-ta Marko, levu la manon. »

Ĉiu levis la manon.

« Bonege », diris la pastro, « mi vidas, ke mi havas taŭgan aŭdantaron: La Evangelio laŭ S-ta Marko nur enhavas dek-ses ĉapitrojn. »

TRO MALFRUE. — *La aĉetinto* (revenante al la kaso): Vidu, Sinjorino, vi eraris, kiam vi redonis al mi la monon.

*La kasistino* (akre): Tro malfrue, Sinjoro. Vi devis kontroli, kiam mi redonis.

*La aĉetinto* (gaje): Ho, tre bone. Vi donis al mi dek frankojn tromulte. Ĝis revido, Sinjorino!

EFIKA BOJKOTO. — *Farmisto Johano:* Kien vi iras, Petro?

*Farmisto Petro:* Enpoŝtigi leteron en la apuda vilaĝo.

*Johano:* Kial ne enpoŝtigi ĝin tie ĉi?

*Petro:* Tre simple! La leterportisto ne plu aĉetas siajn ovojn ĉe mi kaj mi preferas morti ol meti ankoraŭ unu el miaj leteroj en lian kesteton!!

PRI OPINIO. — *Advokato:* Ĉu vi volas mian opinion sinceran kaj honestan?

*Kliento:* Ne, ne! Nur vian profesian opinion mi deziras.

# LA PORTRETO DE LA PATRO

Iun tagon, kamparano venis ĉe artpentristo. — « Sinjoro », li diris, « mi deziras pentrigi la portreton de mia patro ». — « Bone », respondis la pentristo, « kiam li venos por pozi ? »

— Tio estas precize malebla, ĉar li mortis antaŭ 2 tagoj, kaj nun mi deziras posedi memoraĵon pri li.

— Ho, malfeliĉa amiko, mi komprenas; tiam, donu lian fotografaĵon, kaj mi faros mian eblon.

— Sed, mi ne havas fotografaĵon, se mi ĝin posedus, ne estus necese fari alian.

— Jes... mi komprenas... kia li estis ? Ĉu vi similas lin?

— Ho ne, Sinjoro, li estis tute alia.

Sufiĉe sprita, la artisto demandis: « Sed vi sendube ankoraŭ havas vestaĵojn, kiuj apartenis al la mortinto? »

— Jes, certe, respondis la terkulturisto.

La sekvantan tagon, li ree venis kunportante la plej bonajn vestaĵojn de sia patro. La pentristo promesis, ke la portreto estos preta post deko da tagoj. Kiam la vilaĝano revenis, la artisto venigis lin en sian laborejon kaj tuj malkovris la pentraĵon. Vidante la portreton, la kamparano subite ekploris. Kompateme, la pentristo demandis la kaŭzon de tiu ĉagreno.

— Ho ve, ekkriis la vilaĝano, nur de tri semajnoj li forlasis min, kaj li jam tiom ŝanĝiĝis.

*Laŭ rakonto de amiko.*

# LA KOMPARO DE LA KAPITANO

Iam, antaŭ multaj jaroj, en kafejo, kiun mi ĉiutage vizitis, mi eksidis ĉe tablo kun kelkaj kutimaj amikoj, ĵus revenintaj de la operejo « Monnaie » el Bruselo, kie ili aŭskultis operon de Wagner « Parsifal ». Ĉar neniu el ili estis vera muzikdiletanto, ili ĉiuj plendis pri la malagrableco kaj malfacila komprenebleco de tiu muziko.

Estante muzikisto kaj tre fervora admiranto de Wagner, mi tuj diris ilin, pro kio ili ne bone komprenis tiun muzikon kaj klarigis al ili, la verkmetodon de tiu komponisto, nome la uzadon de la famaj de li elpensitaj « leitmotivoj ».

Mi ĉiumaniere provis klarigi al ili, kiel tiuj « leitmotivoj » estis karakteriza figurado de tiu aŭ alia rolulo aŭ de ties animstato, kaj ke ĉiufoje kiam tiu rolulo aŭ animstato revenis en la agado, ĉiufoje ankaŭ tiu sama leitmotivo revenis, ĉu en la orkestro, ĉu en la kanto, k.t.p.

Miaj amikoj tute atente kaj silente aŭskultis miajn klarigojn sed, antaŭ la apuda tablo sidis iom trinkinta kapitano de la loka garnizono; li ankaŭ aŭskultis, kaj kvankam li ne estis miksita en la konversacio, li subite, kun moka mieno sin turnis al mi kaj ekkriis sian aprobon... « Jes, jes, li diris,... mi... bone... komprenas: estas kiel post la manĝado de rafano,... ĝi... ĉiam revenas!»

Sekvis eksplodo de mokaj ridegoj de la amikoj, kiuj vidis, ke mi ne sciis, ĉu koleri, ĉu ridi.

P. V. G.

# DIVERSAJ INFORMOJ

ZAMENHOFA MEMORŜTONO estis inaŭgurita la 16an de Aŭgusto en Bad Reinerz (Germana Silezio) por memorigi, ke en la jaroj 1906 kaj 1909 D-ro Zamenhof estis bangasto en tiu urbo. La estraro de la urbo ankaŭ decidis, ke la nomo de la placo, kie estis starigita la ŝtono, estos « *Esperantoplaco* ».

ONI ANONCAS aperon de Esperanta traduko de la verko « Sperto kaj Konduto » de J. Kriŝnamurti, farita de Petro Stojan. La libro havos 24 paĝojn kun bela aŭtorportreto. Eldonejo : Internacia Biokosma Asocio. Prezo afrankite Ffr. 3,30. Mendu kaj antaŭpagu ĉe A. Marion, 52 rue Boileau, Lyon (Francujo).

GRANDA SUKCESO DE LA HIMNO-DISKO. — La unua serio de 500 diskoj preskaŭ tute jam elĉerpiĝis! Nova dua serio jam estas mendata. La disko trovis ĝeneralan aplaŭdon. Jen la prijuĝo de unu el la ricevintoj :

Sinjoro Prof. O. Bujwid, Krakovo, skribis :

« Aŭdinte vian gramofondiskon mi povis konstati, ke la Esperanto-himno estas bone ekzekutata kaj la kanto el la « Sorĉa fluto » bele kantita de bona kantisto. Estas dezirinde, ke la disko disvastiĝu inter diverslandaj Esperantaj rondoj. »

Tial, gesamideanoj, sendu senprokraste vian mendon. Ĉiu grupo nepre aĉetu almenaŭ unu diskon! Mendu ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno.

KRISTANA ESPERANTISTA LIGO INTERNACIA. — En la fak-kunsido okaze de la 23a Universala Kongreso de Esperanto en Krakovo oni aprobis rezolucion direktatan al ĉiuj evengeliaj misioj atentigantan pri la granda avantaĝo, kiun la mondhelplingvo Esperanto signifas por la interkompreniĝo de la popoloj, kaj kion ĝi povus signifi ankaŭ por la gravaj laboroj kristanaj en la mondo.

MEDICINA TEKNIKA VORTARO aperos post kelkaj monatoj, eldonita de Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio. La manuskripto estas jam en la presejo. Ĝi aperos en formo de bela libro, tole bindita kaj zorge presita sur bela papero. La prezo estos 2 U. S. Dolaroj aŭ Bfr. 72,—. Oni povas jam mendi de nun ĉe la Administracio de Internacia Medicina Revuo, 20 rue aux Laines, Bruselo, Poŝtĉeko n-ro 2814.51.

# LA LOĜANTARO DE BELGUJO

Atendante la rezulton de la jardeka sumigo de la enloĝantoj, la Ŝtatgazeto publikigis la statistikon pri la nombro de la loĝantaro, laŭ la registroj de la diversaj komunumoj de la lando.

Je la 31a de Decembro 1930 Belgujo havis 8.129.824 enloĝantojn. Tio signifas plialtigo de 69.635 kompare al la cifero de pasinta jaro.

La nombro pro ĉiu provinco estas :

Antverpeno 1.187.630 ; Brabanto 1.694.899 ; Okcidenta Flandrio 897.051 ; Orienta Flandrio 1.153.866 ; Henegovio 1.274.082 ; Lieĝo 971.878 ; Limburgo 374.332 ; Luksemburgo 222.007 ; Namuro 354.079.

Kaj jen la loĝantaro de la ĉefurbo de ĉiu provinco :

Antverpeno 294.902 ; Bruselo 207.838 ; Gento 169.322 ; Lieĝo 166.820 ; Bruĝo 51.191 ; Namuro 30.465 ; Monso 27.816 ; Haselto 23.319 ; Arlono 11.658.

# BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko nº 1689.58.*

*ESPERANTO LERNOLIBRO POR POPOLLERNEJOJ, laŭ rekta metodo verkita de Arthur Degen. — Unua parto: 1a-2a lernojaro 74 paĝoj, 14,50×22 cm. Eldonita de Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. Prezo: RM. 2.—.*

Tiu verko metas en manon de kiu ajn lernanto bonegan, allogan, amuzan lernilon. Tre interesaj lecionoj lerte alternante kun ludoj, kantoj... k.c. — estas ilustritaj per belegaj bildoj, kelkaj eĉ arte koloritaj. La antaŭparolo enhavas gravajn konsilojn ege utilaj al niaj kursgvidantoj. Ne nur al ili sed ankaŭ al tiuj, kiuj volas per memstudo lerni Esperanton, ni povas entuziasme rekomendi ĉi-tiun verkon. Enhavo kaj eldono kune faris de ĝi veran verdan Perlon.

*THE « EDINBURGH » ESPERANTO POCKET DICTIONARY Esperanto-English and Engelish-Esperanto. Fourteenth Edition. Revised and enlarged. 1931. Eldonis Thomas Nelson & Sons, Ltd., London, Edinburgh, New York, Toronto, Paris. 288 paĝoj 10×15 cm. Bindita. Prezo: 2/6 aŭ Fr. 22,—.*

La fakto, ke tiu vortaro atingas sian 14an eldonon estas plej elekventa pruvo pri ĝia taŭgeco ĉiurilata. La vorttrezoro estas reviziita kaj ĝisdatigita sub la direkto de J. M. Warden, la nuna prezidanto de la Esperantista Akademio, kun la kunlaborado de F-ino Jane Baird kaj de William Harvey. La dimensioj de la nuna eldono estas iom pli grandaj ol tiuj de la antaŭaj. Tio permesis uzi pli grandajn, do pli klarajn litertipojn. Malgraŭ tio, la libreto ne perdis sian formaton de poŝvortaro. Ni varme povas rekomendi tiun bele eldonitan libron.

*JAPANA SLOSILO DE ESPERANTO. — Bele presita 32 paĝa broŝureto, kiu pligrandigas la kolekton de la Ŝlosiloj jam eldonitaj sub la kontrolo de Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado. Prezo: Jen 0,05.*

*SCHIDLOF'S ZAKWOORDENBOEKJE ESPERANTO-NEDERLANDSCH en NEDERLANDSCH-ESPERANTO, samengesteld door C. L. De Veer. 2e Druk. Eldonita de H. Meulenhof, Amsterdam. 302 kaj 276 paĝoj 9,50×6,50 cm. Solvendejo por Belgujo: Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno. Prezo Fr. 22,50.*

La dua eldono de tiu bonega vortareto prezentas riĉan materialon korektitan. La papero de la nova eldono estas multe pli bona ol tiu de la unua. El tio rezultas, ke la malgrandaj presliteroj estas multe pli klaraj kaj do multe pli facile legeblaj. La formato ankaŭ estas iom pli oportuna. Ni rekomendas tiun bonegan vortaron al ĉiuj flandraj samideanoj por kiuj ĝi estos plej valora, nemultekosta materialo dum studado kaj aplikado de nia lingvo.

*INTERNACIONALSTENOGRAFIO. — Lernolibro pri sistemo de stenografio internacia por ĉiuj lingvoj, kunmetita de F. de Kunovski, reviziita de H. J. Hoen. Adreso por ĉiuj sciigoj kaj por mendo de eldonaĵoj laŭ tiu sistemo Friedenstr. 79, Duisburg (Germanujo). 8 Paĝoj 14,50×17 cm.*

*PREPARANTOJ DE MILITO, akuza konkludo en la proceso de industria partio. Eldonita en Moskvo de C.K.S.E.U. (Spiridonovka, 15) 72 Paĝoj 15×22 cm. Prezo necitita.*

Tiu proceso interesis multajn. La klarigojn pri ĝi do ankaŭ povas ilin interesi, eĉ se la raporto povas ŝajni partia. Ĝi enhavas efektive multajn sciigojn, kiuj havas veran gravecon por tiuj, kiuj sin okupas pri la speciala temo de la mondrevolucio, de preparo al militoj k. c.

*KOMPLETA GRAMATIKO KAJ VORTFARADO DE ESPERANTO de Paul Fruictier, reviziita kaj kompletigita de S. Grenkamp-Kornfeld. 200 paĝoj 13,50×21 cm. Eldonita de Esperantista Voĉo, Jaslo (Pollando). Prezo: Fr. 35*

Represo de la bona materialo de Fruictier, sed kiun S. Grenkamp-Kornfeld komplete adaptis al la nuna periodo. La Gramatiko de Fruictier efektive estis kunmetata antaŭ kvaronjarcento, en la tempo kiam ne ekzistis kompletaj gramatikoj. Tiam nur temis pri Esperanta Sintakso. Dek jarojn poste D-ro Fruictier eldonis la duan parton « La Esperanta Vortfarado ». S. Grenkamp-Kornfeld konservis al ambaŭ verkoj ilian originalan planon, sed aldonis kaj kompletigis laŭbezone. Li aldonis novajn ĉapitrojn nome pri Fonetiko, interpunkcio kaj versfarado. La aŭtoro ankaŭ priparolis novajn afiksojn. Granda merito estas, — ĉar tio estas vere merito en epoko kiam multaj emas iĝi malgrandaj generaloj en la lingva evolua demando —, ke la revizianto nur konstatis, neniam proponis. Li tiamaniere restis fidela al la observa metodo, kiu regas la lingvan sciencon. La libro, kiu enhavas preskaŭ ducent paĝojn grandformatajn kun kompakta teksto, estas kompreneble tro klariga por komencantoj, sed ĝi estas la vera verko, kiun bezonas ĉiuj Esperantistoj, kiuj deziras korekte skribi kaj paroli nian lingvon, kaj kiuj je iu momento estas devigataj retrovi ie skribitan, la solvon al kelkaj dubaj lingvaj demandoj. Vorto de gratulo meritas ankaŭ la bela prezentado de la libro, kiu eliris la presejojn de « Belga Esperanto-Instituto ».

*ROBINSON KRUSO. — Legolibro por geknaboj laŭ Campe; kompilita de H. J. Bulthuis, L. K. (Dua eldono) 132 paĝoj 15×23 cm. Eldonis: 1931. W. J. Thieme & Co. Zutphen (Nederlando).*

Neniu klarigo estas necesa pri la enhavo de la fama libro de de Foe. Ni tamen aldonu por tiuj, kiuj ne konas la resumitan tekston de Campe, kiun tradukis kaj aranĝis S-ro Bulthuis, ke la libro tiele prezentita iĝis se eble ankoraŭ pli alloga ol la originala formo de de Foe. La Esperanta traduko, kies dua eldono estas antaŭ ni, estas bele prezentita kaj ornamita per belaj bildoj, kiuj certe ankaŭ interesos la junularon. La aŭtoro kaj la tradukinto prave intencis precipe havigi al la instruistoj bonan kaj interesan legolibron por la lernejoj. Aldonu ni, ke la libro ankaŭ taŭgas kiel donaco je festokazo kaj ne nur por infanoj. Ni relegis kun granda plezuro la tutan tiel resumitan kaj prezentitan historion, kiu laborigis tiel bele nian imagon, kiam ni estis junetaj. Pli taŭgan komplimenton oni preskaŭ ne povas fari. La demandoj pri la diversaj ĉapitroj, kiuj estas aldonitaj al la libro permesas trastudi la diversajn partojn, kaj vidi ĉu la infano bone komprenis kaj bone kapablas klarigi tion, kion la spirito jam kaptis.

*ESPERANTO POR INFANOJ. — G. Gladstone Solomon. 70 paĝoj 14×21,50 cm. Eldonita de « The Esperanto Publishing Company Limited » kaj havebla ĉe « The British Esperanto Association » Inc. 142 High Holborn London W.C. 1. Prezo: 1 ŝ. 6 p.*

En 26 ĉapitroj — kun multaj bildoj kaj desegnaĵoj simplaj — la aŭtorino enkondukas nin per la rekta metodo en ĉiujn la malfacilaĵojn de gramatiko kaj vortfarado esperantaj. Per ĝia simpleco kaj facileco ni povas lokigi ĉi tiun libron ĉe la unua rango de niaj porinfanaj lernolibroj. Ĝi estas tre rekomendinda al ĉiuj instruantoj intencantaj lernigi la mondhelplingvon laŭ moderna metodo.

*LA INTERNACIA LINGVO de D-ro A. Goldburt, 24 paĝoj 15×23 cm. eldonis 1931. Vilna Esperantista Societo « Universo », Vilno (Polujo), Zawalna 15 lĝ. 7. Prezo: fr. 1,—.*

Tiu ĉi libreto estas la unua judlingva propaganda broŝuro priesperanta. Ĝi traktas pri la evoluo de la ideo de la Internacia Lingvo ĝenerale kaj speciale pri deveno, celoj kaj nuna stato de Esperantismo. Sur la dua paĝo de la kovrilo troviĝas aldone eltiro el la esperanta gramatiko kaj sur la tria — mallongige klarigoj pri la organizado de la Esperanto-movado.

*INTERNACIA TEATRAĴETARO originale verkitaj teatraĵetoj de diverslandaj aŭtoroj. 48 Paĝoj, 17×12 cm. Vendejo: Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno. Prezo Sv. Fr. 1,25 — B. Fr. 8,75.*

Tiu ĉi eldonaĵo de « Internacia Eldonejo » apartenas al la kolekto de « Ilustritaj Rakontetoj » kaj « Internacia Dialogaro ». Tiu ĉi libro kunmetita tre zorge de Prof. A. Kenngott, enhavas mallongajn sed tre trafajn teatraĵetojn de diverslandaj aŭtoroj, inter kiuj ni citu Raoul Laporte (Germanujo), Helena Hempel (Polujo), Li Krysta (Ĉeĥoslovakujo), Louise Briggs (Anglujo) kaj Lucette Faes (Belgujo). En nia belga organo ni rajtas speciale citi tiun ĉi lastan aŭtorinon, kiu verkis spritan kaj samtempe propagandan teatraĵeton « Esperanto kaj Amoro », kiu certe valoras ne nur agrablan legadon, sed reprezentadon dum intima Esperanta festo. Sed ankaŭ la aliaj meritas komplimenton. La tuta kolekto bone harmonias. Ankaŭ tiu ĉi verketo eliras la presejon de « Belga Esperanto-Instituto », kiu tiel montras, ke ĝia laborejo laboras ĉiuspecajn presformojn.

*HURA! NE ROMANO, NUR GRIMACO. — de Julio Baghy. Originala romano. 411 paĝoj 14×19,50 cm. Eldonis 1931: Literatura Mondo, IX Boraros tér 6, IV. 11, Budapest. Prezo: broŝurita P. 8.20, bindita P. 9,30, tole bindita P. 11.20 plus 10 % por sendkostoj.*

En tiu ĉi verko, nia hungara aŭtoro ree pruvas sian talenton, kial estranto de lingvo kaj stilo. La pentrado de eksterordinaraj situacioj kaj karakteroj en trafa kaj viva maniero donas al la verko tutspecialan valoron, pro kiu ni volonte laŭdas la aŭtoron. Ni deziras al lia libro rapidan disvendiĝon.

*LA ETERNA EVANGELIO (Dua libreto), 40 paĝoj 11×15 cm. eldono de H. J. Patiala, pastro, Turku, Aurakatu, 14, Finnlando.*

La aŭtoro intencas daŭrigi la serion de siaj libretoj pri sanktaj kaj bibliaj temoj. Tiuj kiuj deziras ricevi tiun libreton kaj ankaŭ la trian kiu baldaŭ aperos, povas sin turni al la aŭtoro, kiu ankaŭ vendas la libron je 2 finnaj markoj; 0,08 usona dolaro, kaj 0,40 sv. fr. La pastro ankaŭ danke akceptas malgrandajn donacojn.

---

## REKLAMOJ TURISMAJ KAJ KOMERCAJ

PRAHA, ĈEFURBO DE ĈEĤOSLOVAKA RESPUBLIKO, 12 paĝa faldfolio ilustrita, kun riĉa informaro pri turismo kaj praktikaj servoj. Sendas senpage ekster Ĉeĥoslovakujo al ĉiu mendinto la Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Socharska 333, Praha VII.

KARLSBAD, MONDKURACLOKO, 14 paĝa faldfolio ilustrita pri la mineralfontoj, banejoj, arbaroj, sporto-festsemajnoj, k.t.p.

PREPARAĴOJ KUN BONA FAMO. — Prospekto pri la diversaj preparaĵoj de la bone konata firmo Burrough Wellcome & Ko., Londono.

INTERNACIA TURISTA KONGRESO, 7-15 BUDAPEST. — Granda afiŝo kun Esperanto-teksto.

FOIRO DE REICHENBERG. 15-21 Aŭgusto1931. Tiu foiro eldonis belan prospekton, grandan kaj malgrandan afiŝojn kaj glumarkon kun teksto en Esperanto. La tuta materialo estis tre plaĉe eldonita.

---

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.